# INTERNACIA FERVOJISTO





## ORGANO DE I.F.E.F.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

25a jaro | Marto/Aprilo 1973 | N-ro 2


*Danio — La lando de la 25a IFEF-Kongreso*




# Jubilea IFEF-kongreso en Århus

## 12.5 — 18.5. 1973

Kongresejo: Hotelo Mercur, Viby J.
Konstanta kongresa adreso:
25-a IFEF-kongreso, Assensgade 18,
DK-8000 Århus C.

Kasistaj adresoj:
25-a IFEF-kongreso,
Bankkonto no 803 547
Privatbanken, Århus-Viby afd.
DK-8260 — Viby J.
25-a IFEF-kongreso,
Tousparken 9
DK-8230 — Åbyhøj.
Poŝtĝirokonto: 20 31 50.

*Statistiko.*

Aliĝis ĝis 1.3. 1973. el Aŭstrio 20, Belgio 4, Britio 2, Bulgario 12, Ĉeĥoslovakio 2, Danio 74, Francio 39, Ok. Germanio 70, Or. Germanio 1, Hispanio 22, Hungario 5, Italio 20, Jugoslavio 11, Luxemburgo 1, Nederlando 29, Norvegio 8, Svedio 16, Svisio 16, entute (enkluzive Honora Kongresa Komitato) 352 el 18 landoj.

*Ekumena diservo.*

Okazos en la preĝejo de Nia Sinjorino (Vor Frue Kirke) Celebros paroĥestro Gunnar Edberg el Malmø kaj pastro Gottfried Grünewald el Århus, — dum la ekumena diservo ludos blovorkestro eklezian musikon de la 17a jarcento, la blovorkestron gvidos juna esperantisto el Århus.

Gazetara servo eldonos en la kongresa semajno Kongresan Bultenon tiel ke vi post la kongreso per la bulteno havos resumon pri la plej gravaj okazintaĵoj. Ĉi tiu faciligos vian hejman raporton.

Per la IF n-roj 4-5-6/1972 kaj 1-2/1973 vi havas ĉiujn kongresajn antaŭinformojn.

LKK ĝojas vin vidi en Århus por partopreni nian jubilean kongreson kaj ni deziras al vi ĉiuj agrablan voĵaĝon kaj feliĉan restadon en Århus.

por LKK
Ingvard Kensing.

## GRAVAJ ENHAVAĴOJ



INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO
Sekretariejo: E. Kruse, D-6 Frankfurt (M) 70, Schweizer Str. 104, Germanio
Redaktoro: Per Johan Krogstie, N-2340 Løten, Norvegio
Bankkonto: Thurgauische Kantonalbank, CH-8590 Romanshorn, Svisio

# Jubilea kongreso antaŭ ni

«Ni tutkore bonvenigas vin en la unua kongreso de IFEF esperante, ke ĝi plenumos vian dumjaran ardan sopiron»

Per tiuj salutvortoj komenciĝis la kongreslibro de la unua IFEF-kongreso okazinta en majo 1949 en la dana urbo Århus. Kiam LKK numero unu skribis tiujn vortojn, ĝi estis preparanta novan, nekonatan terenon. Neniu sciis, kiamaniere evoluis la unua kongreso pure fervojista, ĉu la programo «rulos» kiel antaŭvidite, ĉu oni kontentige povos solvi la loĝejajn problemojn, kiom da interesuloj venos kaj el kiuj landoj. Ankoraŭ regis en Eŭropo devizaj komplikaĵoj. Ĉie oni bezonis vizojn kaj tute ne ĉiuj registaroj permesis al siaj ŝtatanoj forlasi la landon pro simpla vojaĝo. Tamen, la unua kongreso plene pravigis siajn iniciatintojn. Venis 150 personoj el 7 landoj (IFEF tiam havis nur 3 landajn asociojn), kiuj tutan semajnon ĝuis la danan gastamon kaj lerte organizitan programon.

Tiu kongreso malfermis la seninterrompan ĉenon de ĉiujaraj IFEF-kongresoj. Al ni nuntempuloj eble ŝajnas memkompreneble, ke ĉiujare okazas tia grandskala fervojista manifestacio internacia. Sed — ĉu vere memkompreneble? Ĉu ĉiu, kiu pakas siajn kofrojn, por vojaĝi al IFEF-kongreso, povas imagi al si, kiom da kuraĝo ĉiufoje necesas por manpleno da kolegoj, inviti kongreson al sia lando, akcepti la multnombrajn riskojn ligitajn al tia entrepreno, preni sur sin la nervoŝirajn taskojn de jarlonga preparado? Sen multe da financaj rimedoj, sen esti liberigita de la deĵoro, ofte sen komprenemo flanke de la propraj deĵoraj superuloj kaj fervojaj instancoj. Vere, necesas entuziasmo kaj kuraĝo por organizi kongreson. Kaj sen troigo oni povas aserti, ke tio jam 24 foje okazis kaj en majo en Århus okazos la 25an fojon. Tiu ĉiam ripetiĝanta entuziasmo kaj kuraĝo ebligis, ke IFEF havis kaj havos siajn ĉiujarajn internaciajn renkontiĝojn. Ja ekzistas nur 3 esperantistaj organizaĵoj, kiuj kapablas aranĝi ĉiujaran internacian kongreson, nome UEA, SAT kaj IFEF. Kaj la niaj ne havas malbonan reputacion!

Tamen estus sensencaĵo, organizi propran kongreson nur pro ĝi mem. Se estus tiel, plej trafe oni rekomendu al la membroj partopreni en kongreso de alia asocio. Sed la IFEF-kongresoj povas plenumi. Ili ne nur kontaktigas la gekolegojn kaj ties familianojn el tuta Eŭropo, sed ili konsiderinde plivastigas la fakajn sciojn. Regula partopreno en IFEF-kongresoj iom post iom donas multfacetan impresaron pri fakaj problemoj kaj interesaĵoj de la kongreslandaj fervojoj.

Kvazaŭ «apude» oni observas kaj encerbigas esencajn trajtojn de fremdaj fervojoj kaj formas en si mozaikon de ties naciaj elementoj, kiuj tamen en la nuna moderna mondo sub premo de multaj cirkonstancoj pli kaj pli kunfandiĝas survoje al internacia solidareco kaj komuneco de la fervojaj kompanioj.

Estas konate, ke inter la ĉefaj programeroj de IFEF-kongresoj troviĝas fakaj prelegoj kaj ekskursoj. Ankaŭ tio ne estis memkomprenebla. Daŭris jarojn, ĝis kiam por la prelegoj oni trovis konvenan formon, kies nivelo povis kontentigi la postulojn. Kiujn oni rajtas fari ĉi-rilate. Fakte jam en la 4a kongreso en Lindaŭ 1952 oni faris la unuajn paŝojn, sed nur en la 12a kongreso en Helsinki 1960 okazis la unua fakprelego laŭ la hodiaŭa sistemo, se oni neglektas la fak-

prelegon faritan en la Universala Kongreso Mainz 1958.

Tamen neniel eblus verki tiajn prelegojn aŭ fakajn artikolojn, se ne kiel premiso ek de la unuaj IFEF-kongresoj estus kreita trezoro de fakaj vortoj. Jen la merito de sindonemaj kolegoj el diversaj landoj, kiuj de pli ol 20 jaroj kun granda energio kreadas terminojn uzeblajn por ĉiuj fervojistoj en la mondo. Estas do ĉefe la faka karaktero de IFEF, kiu pravigas la aranĝon de niaj propraj kongresoj.

Estas necese kaj sencplene, krome «provizi» la kongresojn per turismaj allogaĵoj. Tutklare la partoprenantoj, kiuj ja pagas sufiĉe da mono por la kongrestagoj kaj oferas valorajn feriotagojn, atendas ekvivalenton en formo de ekskursoj, distraĵoj kaj karakterizaĵoj el la lando. Kaj ankaŭ ĉi-rilate oni plenrajte povas diri, ke la IFEF-kongresoj donacis al siaj vizitantoj sennombrajn kulminojn kiuj por ĉiam restos en ĉies memoro.

Antaŭ dek-kvin jaroj okazis la 10a IFEF-kongreso ankaŭ en Århus. Tiam IFEF jam havis 16 landajn asociojn, el kiuj 15 kun 376 partoprenantoj reprezentiĝis en la kongreso. 15 elstaraj personoj konsistigis honoran komitaton, inter ili la ministro por internaj aferoj kaj la prezidantoj de kulturaj organizaĵoj fervojistaj. Jam klare videbla estis la sistemo de niaj kongresoj, kiu intertempe ankoraŭ multe perfektiĝis, precipe koncerne fakan laboron kaj informadon. Preskaŭ 30 artikoloj pri la kongreso aperis en la danaj tagaj gazetoj, el kiuj unu eĉ regule publicis novaĵojn en Esperanto. Kaj oni tiam ekkonis, ke por federacio kun tiom da landaj asocioj necesas havi jaran superrigardon pri la farita laboro ne nur de la estraro, sed ankaŭ de la unuopaj landoj. Tio estis la komenco de nia hodiaŭa sistemo de ĉiujara interna informado. Dum la 10a kongreso ankaŭ forgesita prezidanto. Stapel kun la kolegoj Biesheuvel kaj Drijfhout forlasis la estraron. Transprenis la gvidadon la kolegoj de Jong, Lok, Hoen, Oesterwijk kaj Poptie.

Kaj nun la 25a jubilea kongreso estas antaŭ ni. Ne dubinde, ke ĝi denove fariĝos rimarkinda kaj digna ero en la kongresa ĉeno. LKK jam delonge laboras kaj preparas allogajn tagojn. Specialaĵo de tiu kongreso estos, ke ni esperas aparte honori veteranojn, kiuj en la komencaj tagoj de la federacio kunagis respektive tiajn personojn, kiuj de minimume 20 jaroj seninterrompe estis agemaj por la federacio aŭ por sia landa asocio. Estas ĝojige, kiom da bonvolaj homoj IFEF povas nomi siaj membroj, kiuj grandan parton de sia vivo dediĉis al ofte ampleksa okupado pri la internacia lingvo. Tiu ĉi lingvo ja estas fenomeno de homa kulturo same kiel ĉiuj aliaj lingvoj. Pro tio ni rajtas rigardi nian agadon esenca kontribuo al la kultura tasko de FISAIC (Internacia Federacio de Kulturflegantaj Fervojistoj). Karakterizaĵo por la evoluo en la pasintaj 5 jaroj estas ke tiu kultura komisio de la esperantistoj fervojistaj pli kaj pli enpenetras en la konscion de la respektivaj gvidantoj de FISAIC, kun pli-malpli pozitiva efiko kaj kun diversaj ĝojigaj rezultoj. Ne nur d-ro Mollion, la unua ĝenerala prezidanto de FISAIC ofte estis bonvena gasto en niaj kongresoj, sed de la 19a kongreso en Fulda ankaŭ d-ro Schlesser, la nuna ĝeneralprezidanto, fariĝis nia sincera amiko kaj en Århus la duan fojon estos inter niaj plej estimataj altrangaj kongresgastoj.

La 25a kongreso do klare indikos la direkton por la venonta tempo. Ĝi klare pruvos, ke la laboro de la pasinta kvaronjarcento ne estis vana, ke la oferoj de

centoj da gekolegoj ne estas perditaj, ke spite al sennombraj fiaskoj kaj seniluziigoj la prenita vojo estis la ĝusta, kvankam plibonigenda. La 25a kongreso estu por ni hodiaŭaj respondeculoj kaj ne nur por ni, sed por ĉiuj anoj de IFEF instigilo plifortigi niajn agadon, aktivigi nin mem, por pli vigle ol ĝis nun kontribui al la nobla afero, por kies venko la esperantistoj en ĉiuj landoj de pli ol 80 jaroj pene klopodas. Tia promeso al ni mem *kaj* la plenumo de tiu promeso estus la plej trafa jubilea donacaĵo, kiun ĉiu unuopa membro povus fari al nia IFEF.

*Joachim Giessner*
Prezidanto

*

# Århus kiel urbo de edukado

Verkita en la dana de s-ro *Aksel Rasmussen*, membro de la magistrato de Århus, prezidanto de la kultura komisiono de Århus.



*La ĉefdomo de la universitato en Århus.*

Okaze de la 25-a Internacia *Esperanto*-Kongreso de Fervojistoj, okazonta 12/5 — 18/5 1973, mi promesis skribi iom pri Århus kiel urbo de edukado.

Kiel fervojisto kaj samtempe membro de la komunuma gvidantaro de Århus, kun precipa kunligo kun la kultura parto, estas al mi granda ĝojo trakti tiun temon, kvankam mia artikolo verŝajne estos markita de mia kunligo al popollerneja tereno.

Dum la lastaj jaroj la evoluo direktiĝas al pli kaj pli bona edukado. Kaj — kio eble estas la plej ĝojiga afero — pli kaj pli da homoj edukiĝas, el kiuj multaj akiras la tiel nomatan postedukadon, kvankam ankoraŭ ne ĉiuj havas la eblecon.

Ĉu la leĝpropono de Knud Heinesen, ministro de edukado, pri 12-jara unueca edukado al ĉiuj infanoj baldaŭ realiĝos, verŝajne dependos de la ekonomia stato de la lando, sed laŭ mia opinio oni devas antaŭrajtigi la edukadon dum la disdivido de la disponeblaj monrimedoj.

Nature estas ja, ke troviĝas en urbo kun la grandeco de Århus — proksimume 250 000 enloĝantoj — vico de bonaj edukadaj eblecoj. Kaj universitata urbo ĉiam altiras plurajn aliajn branĉojn de edukadeblecoj.

Pri la universitato cetere nur tion, ke post malmultaj jaroj ĝi fariĝos pli granda. Momente frekventas la universitaton ĉirkaŭ 12 000 studantoj, dividitaj je pluraj fakterenoj. Krome okazas diversspecaj kursoj.

Ankaŭ la gimnazia edukado havas bonajn cirkonstancojn en Århus, ĉar ekzistas tie kaj komunumaj, ŝtataj kaj privataj gimnazioj.

El aliaj edukadeblecoj mi povas mencii longan vicon de special-lernejoj, ekzemple:

Butikista lernejo, — Komerca altlernejo, — Dentista altlernejo, — Ĵurnalista altlernejo, — Aktorlernanta lernejo, — Inĝeniera lernejo — Instruista altlernejo, — Flegistina lernejo, — Ĉefmaŝinista lernejo.

Unu grupo, kiun mi ŝatus speciale

mencii, estas la metilernantaj edukadeblecoj.

Kompreneble devas ekzisti metiestroj kaj firmaoj, kiuj estas pretaj akcepti kaj lernigi la junulojn, sed feliĉe troviĝas multaj tiaj.

Ankaŭ la teoria metiedukado en la teknikaj lernejoj estas tute moderna. La 17-an de novembro 1972 inaŭguriĝis nova teknika lernejo en Randersvej, kun etaĝa areo de ĉ 15 000 m². Krom tio ekzistas pluraj sekcioj de la teknika lernejo dise en la urbo por fakoj, al kiuj ankoraŭ ne estas loko en la nova lernejo.

Precipe mi ŝatus montri al Jutlanda Teknologia Instituto, kie okazas multegaj kursoj dum la tuta jaro. Ankaŭ ĉi tie oni devis plurfoje pliampleksigi la konstruaĵojn, ĉar ekestas novaj fakoj dum la moderna teknika evoluo, kio postulas novajn kursojn kaj postedukajn kursojn. Grandparte tiuj okazas en la Teknologia Instituto.

Unu-du fojojn mi uzis la terminon postedukado. Ĝi signifas oferton je diversa edukado post la laŭleĝaj lernejaj jaroj. Ekzemple Århus Preparaj Kursoj, en kies ĉefaro estas reprezentantoj kaj de la komunumo kaj de la Klerigaj Asocioj, ĉiujare prezentas vicon da ofertoj rilate al la t.n. teknika prepara ekzameno, 8a-9a-10a popollernejaj klasoj kaj mezgrada ekzameno. Ĉi tiuj ofertoj estas vaste utiligataj kaj certe konservos sian valoron dum jaroj.

Alia formo de edukado kaj klerigado estas pere de la grandaj klerigaj asocioj. Granda parto de la komunumlernejaj klasĉambroj estas uzataj ĉiutage dum la tuta vintro por kolosa kursaktiveco. Dum la budĝeto-jaro 1970—71 stariĝis 1744 kursoj kun entute 83 151 lecionoj, je plej diversaj klerigaj terenoj.

Antaŭ ol pritrakti la komunuman lernejsistemon de Århus mi menciu, ke ekzistas 9 privataj lernejoj en la urbo kun entute proks. 2000 lernantoj. El tiuj 9 lernejoj pluraj instruas ĉiujn klasojn de la 1-a popollerneja ĝis la 3-a real-klaso, dum aliaj instruas nur 1-an ĝis 7-an klasojn. 6 el la lernejoj ampleksas ankaŭ infanvartajn klasojn.

La kuniĝo de komunumoj (1/4 1970) nature donis al la lerneja sistemo transirajn problemojn, kiujn oni apenaŭ venkis eĉ nun. De 21 diversaj «sistemoj», ĉiuj kun sia administracio, ĝis nur unu granda «sistemo», kun 55 lernejoj, 1800 instruistoj, 30 000 lernantoj, kaj surbaze de nova administra leĝo — vere grandioza tasko. Tute nature do, se ne ĉiuj sentas, ke ĉio estas jam en ordo. Sed multe estas atingita, kaj kiam finiĝos la nune magistrata periodo, la plej multaj problemoj estos eliminitaj, mi supozas.

Kiel estas do la lernejoj?

Rilate al konstruaĵoj ni povas diri, ke la infanoj de Århus ĝenerale havas bonajn lokalojn. Eble kelkaj ne estas sufiĉe grandaj, sed kelkaj lernejoj estas konstruitaj antaŭ pli ol 100 jaroj. Multaj modernigoj kaj alkonstruaĵoj tamen vaste plibonigas tion. Ne ĉiuj lernejoj havas lokalojn por instruado de pli altaj klasoj ol la 7-a lernejojaro. Unu el ties kaŭzoj estas i.a. la diferenco de klaskvocientoj. La meza kvociento de la århusaj lernejoj estas 21,4, sed kelkloke ĝi estas 30 kaj aliloke nur 10.

Tio signifas, ke oni devas veturigi infanojn de areoj kun multaj infanoj kaj alta klaskvociento al lernejoj en areo kun malmultaj infanoj kaj malalta klaskvociento.

Dum la lastaj jaroj okazis granda evoluo pri la tiel nomataj: speciala instruado — apoga instruado — apogo al infanoj en helpklasoj — adaptomalhelpataj infanoj — starigo de observadaj klasoj, k.c. Ĉi tiuj helpaj aranĝoj vaste

okazas kunlabore kun la lernejpsikologia kontoro.

Lige al la lernejoj estas vere bona aranĝo pri lernejaj kuracistoj. La 1.8.70 funkciis 1 lerneja ĉefkuracisto, 18 lernejaj kuracistoj kaj nombro de higienaj inspektorinoj. Tiu aranĝo ampleksas ankaŭ la privatajn lernejojn.

La samo validas por la lerneja dentista aranĝo — unu el la plej bonaj de la lando. La 1.8.71 funkciis 143 personoj, el kiuj 54 estis dentistoj. 23 305 lernantoj ricevis kuracadon dum 1970—71, de ordinaraj truŝtopoj ĝis provizoraj dentkronoj. Post tre malmultaj jaroj ĉiuj lernejfrekvantaj infanoj en la komunumo de Århus ricevos kontrolon de siaj dentoj fare de la lerneja dentistaro.

Majoritato de la magistrato decidis, ke dum dujara periodo oni provu lernejan nutradon. La aranĝo ampleksos oferton de senpaga manĝaĵpakaĵo + lakto al la malsuperaj klasoj kaj oferton de senpaga lakto + ebleco aĉeti manĝaĵpakaĵon al la superaj klasoj.

Fine mi ŝatus mencii la tre ampleksan instruadon de gejunuloj, bazitan sur la leĝo de libertempa edukado. Dum 1970—71 funkciis 20 komunumaj kaj 3 privataj porjunulaj lernejoj kun proks 5000 lernantoj.

Ĉu mi sukcesis relative mallonge priskribi la edukeblecojn de Århus, al aliaj por juĝi, sed mi devas konfesi, ke ne ĉiuj eblecoj estas menciitaj.

Ekzistas granda materialo pri la temo. Mi atentigas pri la multaj statistikoj la libroj troviĝantaj en la bibliotekoj de la komunumo.

Finfine mi devas bedaŭri ke en niaj komunumaj lernejoj la lernantoj ricevas malmultan orientiĝon pri *Esperanto* kaj ĝiaj eblecoj de utiligo. Dum la lastaj jaroj mi spertis diversmaniere, kiel fervore la esperantistoj agas por disvastigi la konon pri la lingvo al pli granda nombro de la popolo, kaj mi deziras, ke iam oni sukcesos starigi devigan informadon pri ĝi en niaj lernejoj.

Kun kora saluto
*Aksel Rasmussen*

# La opinio de psikologo: Antaŭjuĝo kontraŭ la virino de Apfeelstaedt

Ĉu la fervojo estas entrepreno, en kiu virino ne havas lokon?

Kiam oni komparas la personarciferojn, oni tre facile povus konkludi tion. En junio 1972 ekzemple estis ĉe la DB 20 428 virinoj okupitaj, tio estis ĉirkaŭ 5 % de la tuta personaro.

Kompreneble oni povus kontraŭdiri al tiuj ciferoj, ke ĝuste ĉe la fervojo ekzistas granda nombro de oficoj, al kiuj virinoj ne estas konvenaj. Aŭ ĉu povus imagi al vi virinon kiel manovriston aŭ lokomotiviston?

La plej multaj certe skuas la kapon, ĉar ilia imagbildo de virino estas tute alia. Ni ĉiuj havas firmajn imagojn kaj postulojn al la virina sekso. Sed tiaj imagoj tute ne estas samaj ĉe ĉiuj popoloj kaj en ĉiuj landoj. Tio montras ekzemplo el la informilo de la laborkondiĉesploroj.

La profesio de kuracisto en USA preskaŭ nur estas praktika de viroj, dume

en UdSSR pli multe da virinoj sin dediĉas al tia profesio. La ekzemplo klare montras, ke apud naturaj diferencoj inter la seksoj ankaŭ sociaj kondiĉoj decidas pri la ekzistado de tipe virinaj respektive viraj profesioj. Tiaj sociaj kondiĉoj formas nian penson kaj nian edukon. Tio jam komencas per la edukado de niaj infanoj. Malgranda bubo devas esti fiera kaj petola, li kapablu ludi piedpilkon kaj neniu arbo estu por li tro alta. Sed ve, li ludas kun pupo! Kiel ludilo li ricevas aŭtomobilon, elektran fervojon, fragilon kaj aviadilon. Kontraŭe la knabino jam frue ludas kun pupoj, butiko kaj infanaj mastrumobjektoj.

Do, jam ĉi tie komencas la pelado de la infano en certan rolon. Frutempe oni atribuas al la knabino la rolon, en kiu oni poste deziras vidi ŝin. Al tio kelkaj ekzemploj!

Ke mankas al la virinoj ĝenerale teknika talento, estas aserto, kiu ankaŭ ne gajnas je fidindo, ĉar multaj sin identigas kun ĝi. Estas eduka fakto! Nombro da virinoj en la orientaj ŝtatoj, kiuj ricevas teknikan edukadon kaj nun ankaŭ plenumas teknikan oficon, pruvas, ke oni ne povas argumenti kun la «estaĵo» virino.

Estas simple antaŭjuĝo aserti, ke virino estas teknike malpli kapabla ol viro. Kiel ni pli supre spertis, la virino jam de la pli frua aĝo estas malpli konfrontita kun la tekniko kaj ŝia intereso ne estas vekigita. Knabinoj ne estas pli malinteligentaj ol knaboj.

Dum intelekta testo montris knabinoj same bonajn rezultojn. Kontraŭe, ili superis la knabojn en lingvaj rilatoj. Ili estis pli diligentaj en la lernejo kaj malpli ofte maltrafis la klascelon.

Sed aliaj antaŭjuĝoj kontraŭ la virino estu malkonstruitaj. Oni asertas, ke virinoj estas pli ofte malsanaj kompara al viroj. Statistikoj de la industrio pruvas, ke nek dungistinoj nek laboristinoj pli ofte estas malsanaj ol la viraj kolegoj. Sed montriĝas, ke virinoj pli ofte anoncas malsanon, eĉ dufoje pli ofte ol viroj, sed nur mallonge. Kiam viroj estas malsanaj, ili bezonas la duoblan tempon por resaniĝi.

Tiuj malmultaj ekzemploj montras, ke necesas forigi tutan serion da antaŭjuĝoj kontraŭ la virinoj. La germana fervojo nun komencis kaj pli intense varbas por gajni pli da kunlaborantinoj, kvankam ankoraŭ ne en la manovra servo kaj ne kiel lokomotivisto, sed en multaj aliaj laborterenoj.

DB komencis malkonstrui antaŭjuĝojn! Sed ĉiuj devos kunhelpi.

El «Sozialblatt» No 1/73
Tradukis: *E. Kruse.*

## ANKAŬ JUBILEO

Certe ĉiuj kongresanoj de nia 24a en Lugano memoras pri la belega teatra vespero, pri la elstara brila arto de la tri aktoroj el Bulgario. Unu el ili, Anani Anev, en novembro 1972 plenumis sian 35an jaron sur la «bretoj, kiuj signifas la mondon». Dum tiuj jaroj li laboris kiel aktoro, reĝisoro kaj teatra direktoro. Kaj ne nur tio. Li festis duoblan jubileon. Ĉar pasis 15 jaroj, de kiam li en la kadro de la Bulgara Esperanto-Teatro aŭ kun sia vivkamaradino, la talenta aktorino Belka Beleva, prezentis sian arton al la Esperantopubliko. IFEF gratulas, kvankam malfrue, tamen des pli kore kaj deziras al Anani Anev forton kaj sanon, por ke li kun siaj gekunuloj ankoraŭ ofte povu ĝojigi kaj edifi la homojn en sia patrolando same kiel la milojn, kiujn li kapablas alparoli en ĉiu ajn lando helpe de la Internacia Lingvo.

*J. Giessner*
prezidanto



# Junulara angulo



La 14a IFES kiu okazis de la 10a ĝis la 17a de februaro 1973 en la sporta montardomo «Strussing» en la belega regiono de Werfenweng (Aŭstrio), vidis la partoprenon de pli ol 50 gefervojistaj esperantistoj alvenintaj el 11 landoj.

Tiu renkontiĝo estis ege agrabla flanke de ĉiuj aranĝoj okazintaj ĉu dum la skiado, ĉu dum la distraj vesperoj.

Abunde falis la neĝo kiam ni alvenis kaj tiel ni vere povis ĝui kontentigan skiadon sub la sperta gvidado de la skiinstruisto. Viglaj vesperaj programoj laŭvice prezentitaj per la organizanto kaj per la IFEF-junularo ĝojigis ĉiujn dank'al gaje kreita etoso. Tiel, ĉiun vesperon okazis ludoj, diapozitivaj prezentadoj pri la antaŭaj fervojistaj skisemajnoj kaj pri la UEA-kongreso en Portland; filmprezentado kiuj temis pri travivaĵoj en Kameruno, pri la IFEF-kongreso en Fulda kaj pri la lastjara trilanda renkontiĝo en Clervaux. Ankaŭ menciinda estis la prelego esperantlingve farita de sperta skiinstruisto pri la progresiva evoluo de la skiarta kapableco de pasintaj jaroj al hodiaŭa tempo.

Meze de la semajno okazis la tradicia lingva konkurso. Pri tio, kuraĝiga estas la fakto ke la partopreneco estis multnombre kaj altnivela des pli ke la spertula kategorio enhavis la plej grandparton da kandidatoj.

La diversaj skikonkursoj ankaŭ estis klasifigitaj, kompreneble laŭ la skinivelo de la gepartoprenantoj, sed ankaŭ laŭ aĝkriterioj. Belegajn rekompencojn: pokalojn, medalojn, librojn ktp. ricevis la diversaj gajnintoj de tiuj lingva kaj skia konkursoj.

Suplemente al tiuj tradiciaj konkursoj okazis du aliaj: marŝirado por la neskiantoj, kaj la tre amuza «ŝi kaj li» skiveturado. La paroj, parte maskitaj estis ankaŭ originale vestitaj kaj kunkune devis sekvi skivojon sur kiu staris strangaj obstakloj!

Sed, kvankam la premioj estis nombraj, alia grava donaco rekompencis la gajnanton de la ĝemeligita konkurso pri lingvo kaj skiado. Tiun premion, donacon de IFEF, ricevis nia sveda amiko Anshelm Eriksson kaj estis al li transdonita per la plej juna partoprenintino de la skisemajno. La gajninto ricevis belegan skribilon prezentita en bela blua skatoleto.

Post la premio-disdonado rapide venis la momento de la tiom ŝatata tradicia vesperkarnavalo. Paroj diversmaniere kostumitaj eniris la karnavalrondon sub la muzikgvidado de dinamisma orkestro. Ĝis frumatene daŭris tiu granda festo bonhumore kolorita dank'al entuziasmo de ĉiuj gepartoprenantoj kaj al la mirinda etoso tiel kreita.

Estas ankoraŭ menciinde ke, okaze de la kostumprezentado la domestraro elektis la tri plej belajn kostumojn; la unua premio fine akirata de geedza paro vestita en kata kaj katina aspekto.

Sed, por ke tiu skisemajno estu por ĉiuj sukcesplena, unu persono multege

Daŭrigo p. 32.



# ADMINISTRAJ INFORMOJ

Post la prezidanto kaj kasisto ĉi-jare la sekretariino partoprenis la jarkunvenon de nia hungara landa asocio, kiu okazis la 4an de februaro en Budapesto. En la jaro 1974 la jarkunveno okazos en urbo *Kecskemét,* 90 km. for de la ĉefurbo Budapesto. Kiu interesiĝas pri la dato kaj aliaj detaloj bonvolu sin turi al: Stefano Bálint, H 6000 Kecsgemét, Tanácsköztársasag tér 3. II. 10.

*

## Adresaro de la IFEF-komitatanoj por 1973/1974

Aŭstrio: Franz Scharf, Koloniestr. 2-10/12/10, A-1210-Wien — Belgio: Lucien de Sutter, Chef de Gare de et à Etterbeek, B--1050-Bruxelles — Britio: Frank Curtis, Tredworth Road 1, GL 1 4 PY - Gloucester — Bulgario: Georgi Todorov Nejkov, str. Klokotnica 1, Sofia — Ĉehoslovakio: Jiri Pistora, Námesti míru 1746, Ceská-Trebová — Danio: Henning Hauge, Eranthisvej 16, DK-9800-Hjørring — Finnlando: Nils G. Narvala, Rautatiehallitus, Vilhonkatu 13, Helsinki - 10 — Francio: Guy Delaquaize, Rue Louis Gandillet 52, F-78420-Carrières-sur-Seine — Roger Motto, 67 bis Avenue Pasteur, F-30400-Villeneuve-les-Avignon — Germanio: Willi Grass, Meteorstr. 13, D-565-Sollingen-Ohligs — Willi Brandenburg, Vadrup 276, D-4401-Westbevern — Gernot Ritterspach, Berliner Allee 1, D-607-Langen/Hessen — Joachim Schrapp, Schmittingheide, D-44-Münster/Westf. — Otto Rösemann, Einbeckerstr. 27, D-3000-Hannover — Hispanio: Ramon Gimenez Feliu, Ronda S. Antonio 46/50 2/o. 4/a, Barcelona - 11 — José Oliveras Masague, C/Aneto 16, 2/o. 2/a., Barcelona - 13 — Hungario: D-ro Istvan Bacskai, Magyar Eszperanto Szövetség Vasutas Szakosztalya, *H-1378-Budapest,* Pf. 7. — D-ro Ferenc Phersy, sama adreso kiel d-ro Bacskai. — Italio: Germano Gimelli, Via Donato Creti 61, I-40128-Bologna — Jugoslavio: Jovan Ladjevic, Skopska kula 2/VIII-38, YU-21000-Novi Sad — Nederlando: J. J. Labordus, Pekingdreef 62, Utrecht - 25 — Norvegio: Erling P. Næss, Stadsingeniør Dahls gate 58, N-7000 Trondheim — Polio: Erazm Nawrowski, u,. Hetmanska 20, Gdynia — Rumanio: Stefan Novak, strada Banatului Nr. 8, Brasov — Svedio: Evert Rausek, S: Bulltoftavägen 56 b, II, S-212 22 Malmö — Svisio: Kurt Greutert, Via Monte Ceneri, CH-6512-Giubiasco — Ĝisnunaj junularaj kromkomitatanoj: Greta Gössl, Renzo Mantovan — Laŭstatuta Kandidato kiel Junulara komitatano: Werner Heimlich jr., Fröbelstr. 4, D-3040-Soltau (Germanio) — dua kandidato ankoraŭ mankas.

Giubiasco, la 26-an de februaro 1973, la ĉefkomitatano: *K. Greutert.*

## Nekrologo

Post longa malsano mortis en Nederlando la 6an de januaro 1973 nia fidela membro

**GERRIT WILLEM MAST**

78 jaraĝa en Woerden.

Al la familianoj kaj al FERN ni direktas sinceran kondolencon.

# Jarraporto de la sekretariejo pri 1972

*Antaŭrimarkigo*

Kiel jam kutime, ni sekvas la pasintjaran skemon, tiel faciligante al la legantoj ne nur komprenon, sed ankaŭ komparon. Tamen ankaŭ ĉi tiu raporto nepre estu legata en konekso kun la respektivaj paĝoj en «IF», precipe kun la raportoj pri la kongreso kaj la resumo pri la landaj jarraportoj.

*Niaj mortintoj*

Decas la unuaj vortoj al niaj mortintaj membroj:

Danio: P. Reinhold Jensen.
Germanio: Wilhelm Schubert, Otto Schmidt (Münster).
Hispanio: José Saladrigas Escofet.
Nederlando: Th. Bosgraaf, A.C. Boelmans.
Svisio: Giovanni Sasselli.

*Membrostato*

Estas konstatebla *kresketo* de 2846 al 2852 je 6 membroj, kion oni povas danki al la sveda asocio, kiu plianoncis 13 membrojn. La cetera situacio ne ŝanĝis kompare al la pasinta jaro kaj aparte bedaŭrinda estas la rea malkresko en Nederlando al nun sub 100 membroj. Evidente tio estas unu el la konsekvencoj tirendaj el la «Resumo pri la jaraj raportoj» poz 21.2.2 (IF 3/72), kie oni i.a. legas, *ke 23 % de la membraro konsistas el pensiuloj*. Povas eĉ esti, ke tiu procentaĵo estas ankoraŭ pli alta, ĉar bedaŭrinde ne ĉiuj asocioj ekzakte respondis la demandojn. Tiu nombro ne nur estas pensiga, sed *timiga,* kaj ĝi nepre devigu ĉiujn respondeculojn en ĉiuj estraroj ekagi kaj ekataki ĝuste tiun vundan punkton de nia federacio. Sen troigo oni rajtas nome ĝin *vivdecida.* Ĝi estas same grava hodiaŭ ĉe la komenco de novaj 25 jaroj kiel estis la ĝenerala membrovarbado antaŭ 25 jaroj. Sed — ĝi estas multe pli komplika pro la nunaj vivkondiĉoj.

La sistemo de la *adoptitoj* restis netuŝita, ĉar bone elprovita. Tamen la adopta kaso de tempo al tempo bezonas refreŝigon, por resti «laborkapabla» (IF 4/72 p. 63). La bonan efikon de tiu entrepreno oni vidas el la raporto de la kasisto en IF 1/73.

*Honorigoj*

Nova membro de la Honora Patrona Komitato fariĝis d-ro inĝ. Giordano Azzi, Italio, elektita dum la kongreso de Lugano la 12an de majo.

Medalo de FISAIC ne estis disdonita.

*Interna laboro*

En 1972 estas prilaboritaj de la sekretariejo 398 alvenintaj kaj 438 forsenditaj *korespondaĵoj.* Al tiu sumo oni devas adicii kelkajn dekojn da leteroj, skribitaj de la aliaj estraranoj kaj interne de la estraro. Ne kalkulitaj estas kelkaj centoj da revuoj, kiuj daŭre estas senditaj al la estraro.

Kiel en la antaŭaj jaroj la *estraro* krom en la kongreso dufoje *kunvenis,* en februaro en Wörgl (Aŭstrio) kaj en novembro en Strasburgo (Francio). Ambaŭ kunvenoj pasis en la kutima, agrabla atmosfero, grandparte kun la ĉefkomitatano kiel bonvena gasto. Dum tiuj kunvenoj la estraro ĉiam detale okupiĝas pri la venonta kongreso, do en Wörgl pri Lugano.

Vole-nevole sufiĉe da tempo devis esti foruzita pro la streĉita situacio, en kiu troviĝis LKK Lugano. La svisa asocio SAEF ja spontane estis transpreninta la organizadon de la 24a kon-

greso, ĉar la ĉeĥoslovaka asocio lastmomente devis retiri sian inviton. Bedaŭrinde la svisa sekcio de FISAIC ne estis preta agnoski ĉi tiujn eksterordinarajn cirkonstancojn kaj premon, sub kiuj SAEF kaj IFEF devis agi kaj sekve la kongreso de Lugano devis esti preparata eĉ sen morala subteno de la svisa FISAIC-sekcio. La estraro tiam deklaris al la ĉefkomitatano, kiu samtempe estis sekretario de LKK, ke IFEF nepre apogus LKK-on laŭbezone. Tio bonŝance ne necesis.

La ĉefkomitatano, ĉar tro okupita, en 1972 nur forsendis unu cirkuleron, al kiu estis aldonita la demandaro, surbaze de kiu estos starigita la landaj jarraportoj.

Ankaŭ lastjare plej multaj el la *estraranoj* partoprenis en *jarkunvenoj* aŭ aliaj aranĝaĵoj de IFEF, kaj nome: Prezidanto kaj redaktoro en Århus (Danio) Prezidanto en Krems (Aŭstrio) kaj Clervaux (Luksemburgio), Vicprezidanto en Clervaux, Sekretariino en Olten (Svisio), Amsterdam (Nederlando) kaj Clervaux, Kasisto en Debrecen (Hungario) kaj Clervaux. Krome la prezidanto malfermis la internacian skisemajnon de IFEF en Spitzingsee (Germanio), la sekretariino preparis kaj gvidis ĝin. Speciale menciindaj estas la komunaj jarkunvenoj de Belgio, Francio kaj Germanio kune kun la novelfondia Luksemburgia Esperanto-Asocio en Clervaux. La luksemburgiaj kunorganizantoj donis al la renkontiĝo eĉ la nomon «Internacia Kongreso». Ĝi fariĝis tre sukcesa (IF 6/72) p. 94).

Cetere la estraranoj, kiuj ĝenerale laboras laŭ la statuto, aldone distribuis inter si jenajn taskojn, kiam ili necesas: la prezidanto kunlaboros kun la Fakprelega Komisiono, la vicprezidanto kun la Terminara Komisiono kaj la sekretariino kun la Junulara Sekcio. Plue la prezidanto transprenis la ĉiujaran raporton por la jarlibro de UEA kaj flegadon de la rilatoj al FISAIC. La vicprezidanto rilatas kun UEA pro la faka kunlaboro en universalaj kongresoj.

Kvankam la *nova statuto* ekvalidiĝis nur la 1an de januaro 1973, ĝi tamen havu sian lokon en la raporto pri 1972, ĉar la tuta laboro pro ĝi okazis ĝis fino de 1972. Vere tiuj laboroj jam komenciĝis en 1966, kiam speciala statutkomisiono sub gvidado de kolego Barnickel estis fondita. Post dumjaraj klopodoj ĝi povis prezenti la statutan malneton en la kongresoj de Maribor kaj Lugano, en kiu lasta la statuto inkluzive ĉiujn regularojn unuanime estas akceptita de la komitato. La eldonkvanto provizore estas nur mil ekzempleroj, sed pluraj laŭbezone povos esti produktataj. La estraro sukcesis trovi manieron por tajpi kaj presi ĝin laŭ tre avantaĝaj kondiĉoj, tiel ke la «helpmono» 1971 disponigita flanke de GEFA komplete sufiĉis kaj por IFEF la statuto efektive kostis nenion.

Kiel jam ofte konstatite, estas *pli facile ion proponi ol realigi.* Tio ankaŭ fariĝis la sorto de kongrespropono farita en Maribor kaj findecidita en Lugano. Ĉiuj landaj asocioj estis devigintaj sin liveri 6 gravajn datojn pri sia propra evoluo al LKK Århus por komuna aperigo en la kongreslibro. Sed nur tiom malmultaj landoj respondis, ke la plenumo de tiu decido fiaskis. Male *tabelo pri ĉiuj ĝisnunaj fakprelegoj* estos publicita en la kongreslibro kaj poste en IF. La realigo de kongresproponoj estas parto de nia laborplano. Tia plano tamen estas sensenca, kiam la plejmulto de la landoj simple neglektas la faritajn petojn, en la intereso de IFEF estonte certigi sian akuratan kunlaboron.

*Eksteraj rilatoj*

La *Universala Kongreso* okazis en Portland (USA). Tial nur malmultaj membroj de IFEF partoprenis. Kolego Devis (Hispanio) estis komisiita reprezenti nian federacion en tiu kongreso (vidu IF 5 p. 75).

Estas menciinde, ke la prezidanto de UEA, prof. dro. Ivo Lapenna, telegrame agnoskis en Lugano la bonan kunlaboradon inter UEA kaj IFEF.

La prezidanto de IFEF reprezentis la federacion en la 50a jubilea kongreso de Germana Esperanto-Asocio en Braunschweig (Brunsvigo) kaj kontribuis per referaĵo pri nia ampleksa speciala agado en la jubilea semajno okaze de la 20-jara ekzistado de la kulturdomo en Grésillon (Francio). La sekretariino prelegis en kultura seminario en Barlaston (Britio), kio tre impresis eĉ oficialajn instancojn.

Post longjaraj klopodoj fine unua rezulto por aktivigi la rilatojn inter socialismaj landoj kaj *FISAIC*. La polaj esperantistoj fervojistaj estas akceptitaj kiel «membro Polio» flanke de la ĝeneralkunveno de FISAIC en septembro 1972. Estas nia espero, ke ne nur sekvos aliaj polaj grupoj, sed ankaŭ aliaj landoj, precipe Hungario, pro kies membriĝo ĉe FISAIC jam antaŭ pli longa tempo ekestis ĝermoj, kiuj tamen ankoraŭ ne kreskis. Cetere estis vigla korespondado inter la estraroj de IFEF kaj FISAIC pro la problemoj, kiujn kaŭzis la sintenado de la svisa FISAIC-sekcio koncerne la kongreson de Lugano.

*24a kongreso*

La *IFEF-kongreso* 1972 (IF 3/72), origine invitita al Prago, devis esti lokigita al alia lando. Kun sincera danko ni kvitancas la decidon de nia svisa asocio SAEF, kiu sen longa pripensado lastmomente ekorganizis la kongreson kaj tiom bone plenumis sian taskon, ke la 24a en Lugano (6.—12.5.) fariĝis unu el la plej brilaj laŭ diversaj vidpunktoj. La impreso ĉe oficialaj instancoj de la fervojo estis bonega, la financa rezulto tute pozitiva. Kaj spite al la malfacilaj cirkonstancoj ankaŭ la postkongresa agado de LKK estis tre akurata, kun kompleta informado de la estraro en formo de laŭstatuta finkalkulo, kiu pri la 23a kongreso Maribor bedaŭrinde ĝis hodiaŭ mankas. Estu menciitaj jenaj punktoj el la 24a kongreso:

- la inaŭguro kun multaj eminentaj gastoj de SBB, urbo kaj kantono,
- efikoplena gazetara servo, trifoja vizito de la televido, intervjuoj en radio,
- tre taŭga kaj favore situanta kongresejo kun libro-vendejo kaj speciala poŝtoficejo, krome specialaj kovertoj kaj stampo,
- amikeca akcepto ĉe la urbestro de Lugano,
- specialaj fakaj akcentoj pere de altnivela fakprelego kaj du instruaj fakaj ekskursoj,
- elekto de nova estraro (Giessner, van Leeuwen, Kruse, Walder, Krogstie),
- denove kontentiga nombro de partoprenintoj en laborkunsidoj kaj fakprelego,
- elstaraj kulturaj aranĝoj, nome koncerto, teatra vespero kaj folklora vespero,
- tri ekskursoj, kiuj donis trafan impreson pri diversaj regionoj de Svisio kaj la neforgesebla vizito en la planetario kaj fervoja muzeo de Lucerno.

Kiel kongresloko por 1973 estas antaŭvidita Århus (Danio), kiel kongreslando por 1974 Hispanio.

*Junularo*

La junularo ja havis sian laborkunvenon en la kongreso, sed tio estis ĉio.

Nenio speciala, kio povus prezenti junulajn ideojn, spite al multaj antaŭkongresaj klopodoj. Domaĝe! Kiel? Ĉu vere mankas intereso por la propra afero? Almenaŭ en la internacia skisemajno Spitzingsee la tieaj gejunuloj kondutis junece, zorgis pri vigla humoro, montris organizkapablon en ŝercaj aferoj kaj tiel faris la semajnon «juna».

*Informado*

La estraro kaj ankaŭ pluraj landaj asocioj klopodis helpe de diversaj informiloj disvastigi la sciojn pri la Internacia Lingvo. Oni eluzis milojn da afiŝoj kaj flugfolioj. En kelkaj landoj estas arangîtaj ekspozicioj. La germana asocio kreis migran ekspozicion, kiu donas instruan superrigardon pri la agado de la fervojistaj esperantistoj, kaj kiu estas konstruita tiel, ke ĝi facile povas esti prezentata en ĉiu ajn lando (IF 6/72 p. 91). Vastan ehon kaŭzis la trilanda komuna jarkunveno en Clervaux (Luksemburgio). Tutcerte la landaj jarkunvenoj, se ili bone estas eluzataj, plej ofte subtenas kaj kompletigas la informan laboron de la federacio.

Frankfurt, la 2an de februaro 1973.

*E. Kruse,*
Sekretariino.

# Jarraporto de la redaktoro pri 1972

Denove pasis jaro, kaj je ĝia fino mi devas fari superrigardon pri mia agado kiel redaktoro dum tiu periodo.

Laŭkutime aperis 6 numeroj kun entute 96 paĝoj, ilustritaj per 36 fotoj kaj desegnaĵoj kaj 6 insignoj.

Kiel antaŭe la kontakto kun la legantaro estas kontentiga, kaj multaj laŭdesprimoj alvenis.

Tamen, la plimulto ne skribis al mi siajn verajn opiniojn pri la ĵurnalo kaj verŝajne ili nur estas mezkontentaj, aŭ eĉ tute ne kontentaj kun mia laboro.

Kiu povas scii? — Kontentigi ĉiujn bedaŭrinde ne estas eble. Jen kiel mi divenas ke ĉiuj kiuj ne iamaniere esprimis siajn opiniojn verŝajne taksas mian redaktoron laboron:

Se mi tro multe ŝercas, eble oni opinias ke mi estas malsaĝa.

Se mi tro malofte ŝercas, oni eble diras pri mi ke mi estas tro serioza.

Se mi aperigas ion kion mi tondis el alia ĵurnalo, verŝajne oni diras ke mi estas tro laca por mem verki.

Se mi sidas ĉe la skribotablo en mia redakcio farante mian laboron, eble oni opinias ke estus pli bone se mi troviĝus eksterporde por serĉi novaĵojn.

Se mi male estas eksterporde, kelkaj verŝajne kritikas min ĉar oni ne povas trovi min en la redakcio.

Se mi rifuzas kontribuaĵojn, eble oni diras ke mi ne komprenas tion kio estas altkvalita legaĵo, aŭ oni verŝajne akuzas min esti cenzuranto.

Se mi aperigas alsenditajn kontribuaĵojn en vasta grado, oni eble diras ke mi senkritike redonas «ĉion ajn».

Se mi aperigas poemeton, oni verŝajne admone diras ke la ĵurnalo estas strikte faka kaj ke poemoj ne konvenas en ĝi.

Se estas tro multe da fakaj artikoloj kaj ilustraĵoj, povas esti ke la ĵurnalo estas juĝata kiel enuiga.

Mi ne surpriziĝas se iu supozas ke mi tondis la ĉisuban el alia faka ĵurnalo, — tion mi fakte faris!

Løten, Norvegio 1.2.1973

*Per Johan Krogstie*
Redaktoro.



# EL LA FERVOJISTA MONDO

## Kolekto de Esperantopoŝtmarkoj premiita



Teksto kaj kliŝo: Heroldo.

La 9-an kaj 10-an de decembro 1972 la fervojistoj en Firenze (Italio) organizis la III-an Interdepartementan Fervojistan Filatelian Ekspozicion. Fervojisto el Bologna, S-ano G. Gimelli, partoprenis la ekspozicion per sia kolekto da Esperanto-poŝtmarkoj kaj poŝtstampoj; la prezento entenis preskaŭ ĉiujn Esperanto-post-markojn.

La kolekto estis premiita per granda pokalo, diplomo, bronza medalo kaj arta libro pri Firenze. Jen S.ano Gimelli kun parto de sia kolekto.



Bildkliŝo: Vårt Yrke.

*Norvegio:*

La sekretario pri socialaferoj ĉe NSB kune kun la fervojista sindikato en la urbo Drammen (iom sude de Oslo) dum la vintro invitis ĉiujn aspirantojn kaj junuajn fervojistojn en Drammen Distrikto al vesperkunveno por montri al ili kiel agas la diversaj libertemporganizoj inter la norvega fervojistaro.

Komence kantis fervojista virĥoro, fervojista blovorĥestro ludis, oni prezentis la agadon de fervojistaj fotoamatoroj, motorklubo, abstinentula laboro k.t.p.

La jena bildo montras la ekspozicion de NEFA kaj Per Johan Krogstie kiu informas pri Esperanto, IFEF kaj NEFA al grupo da scivolemaj junaj kolegoj.

## Recenzoj

Jytte Lyngbirk: Kit Vivas, eldonis Dansk Esperantoforlag, Ingemannsvej 9, DK-8230 Aabyhøj, Danio.
93 paĝoj, formato: 21 x 15 cm.
Prezo inkl sendkostoj: d.kr. 27.00.

La 17-jara Kit venis en rondon de

haŝiŝo-fumantoj, kaj iun tagon ŝi sentas sin tiel senespera, ke ŝi decidas sin dronigi. Ken savas ŝin, kaj la du gejunuloj amikiĝas. Jam antaŭ monatoj Ken planis vojaĝon al Ameriko por per aŭto kaj tendo rigardi ĝin.

Nun li petas ke Kit akompanu lin; sed dum la vojaĝo la rilatoj inter ili ŝanĝiĝas; Kit montras fremdan, al li nekompreneblan konduton, kaj nur ĉe la bordo de La Pacifiko ŝi malkovras la kaŭzon de sia malfeliĉo.

La bela, komprenema rakonto tenas la scivolemon de paĝo al paĝo, dum ĝi kondukas la leganton tra la diversaj medioj, kie vivas la moderna junularo.

*La eldonisto.*

Stellan Engholm: Junuloj en Torento, eldonis Dansk Esperantoforlag, Ingemannsvej 9, DK-8230 Aabyhøj, Danio. 143 paĝoj, formato: 19 x 14 cm. Prezo inkl. sendkostoj: d.kr. 20.-.

(Aperis 1939) estas la dua parto de Infanoj en Torento. Laŭ interkonsento inter s.ino Olga Engholm kaj la eldonisto ĝi ricevis sian propran titolon — por eviti konfuzon.

La infanoj Arne, Johano, Ajna, Alda kaj aliaj fariĝis junuloj, forlasis la lernejon kaj akiras ian profesian laboron, ne ĉiu laŭ elekto, sed laŭ hazarda ebleco.

Kelkaj el ili spertas la premon de longedaŭra senlaboreco, ĉar la loka uzino devas ĉesigi sian funkcion, pro malfavoraj konjunkturoj. La junuloj ekinteresiĝas pri politiko, aliĝas al vesperaj kursoj por studi sociajn problemojn kaj fondas klubojn.

Ankaŭ Esperantan kurson ili partoprenas por povi kontakti «kun pli vasta medio, konforme al ilia propra spirito».

La tria parto de ĉi tiu *Torento*-serio estas Vivo vokas, eldonita de Eldona Societo Esperanto en Svedio.

*La eldonisto.*

Daŭrigo de p. 25

**Junulara angulo**

klopodis antaŭ kaj dum tiu aranĝo. Plej grandparte dank'al nia amiko Johano Geroldinger la gepartoprenintoj de la 14a IFES povis agrable ĝui en perfekta bonordo neforgeseblajn momentojn en amika esperantista rondo.

Ĉiuj gepartoprenintoj certe konsentos dum mi por ĉi-tie esprimi al la organizanto de la 14a IFES la plej sincerajn dankajn vortojn pro tiuj feliĉaj tagoj, kiun li permesis al ni travivi en la montardomo «Strussing».

*




La redaktfino por la venonta IF estas 5.6.1973.

Presita de presejo A. Sæther A.s

N-2300 Hamar, Norvegio